# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**



Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúiz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

Kunlaborantoj: Salvador Gumá, Mguel Fernández, Vicente Hernández, Andres Martín, Luis Serrano, Antonio Valén, Antonio Marco.


*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*


**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto: 14.011.966, Caja Postal**
**admin@esperanto-es.org**
**www.esperanto-es.org**




## Enhavo



# Estrarkunsido



La amaskomunikiloj intervjuas la Prezidanton

La HEF-Estraro kunsidis en la Universitato *Jaime I* de *Castellón* la 17an de julio ekde la 11:45 horo. Partoprenis: Miguel Angel Sancho, José María Galofré, Manuel Parra, Miguel Gutiérrez, kaj Marcos Cruz. Ankaŭ ĉeestis la kunsidon la konsilantino Ana Manero kaj pluraj kunlaborantoj.

*Pritraktitaj aferoj:*

1) La prezidanto informas pri lastaj okazintaĵoj rilataj al *Fundación Esperanto.* Du tagojn poste kunsidos la patronaro por precizigi la kondiĉojn por atingi monhelpon de F.E. Ĉijare oni dediĉos 300.000 ESP por aktivaĵoj.

2) Ni komisias al Manuel Pancorbo la reprezentadon de HEF ĉe pluraj kunsidoj okazontaj en Berlino:

a) Laŭ alvoko de Michela Lipari, pri eŭropaj kulturaj ĉefurboj en 2000.

b) Kunveno de LA el hispanlingvaj landoj, pri eventuala kunlaboro, laŭ alvoko de Atilio Orellana.

c) Kunsido de Eŭropa Esperanto-Unio.

d) Oficiala saluto dum la solena malfermo.

3) Kongresurbo por venontjara Hispana Kongreso. Aperas nova propono organizi ĝin en Madrido. La interkonsento estas ĝenerala kaj, konsekvence, oni decidas ke San Javier estu nia kongresurbo en 2001.

4) Helpo al Hispanameriko. Pri la propono lanĉita de HEF al UEA por provizi per 1000 lernolibroj la movadon en Hispanameriko, Miguel Gutiérrez klarigas, ke la dirita kontribuo flanke de

"la hispana E-movado", 3.500 EUR, nepre ne venu el la kaso de HEF, sed tion pagu privataj mecenatoj kaj, eventuale, Fundación Esperanto.

5) La sekretario informas ke alvenis letero de Gian Carlo Fighiera, prezidanto de "Heroldo de Esperanto" (leĝe registrita societo sen profita celo), per kiu ĝi senpage transdonas al HEF la reeldonrajtojn de la lernolibro de F. De Diego *Nuevo Método de Esperanto*.

6) La sekretario informas ke alvenis letero de la Ministerio pri Internaj Aferoj, informanta pri tio ke tiu instanco komencis proceduron por nuligi la deklaron de publika utileco de nia Asocio. La kaŭzo estas pluraj formalaj difektoj en la prezentita dokumentaro. Kompreneble, HEF jam prezentis, ene de la tempolimo difinita de la koncerna leĝo, la necesajn ĝustigojn zorge kaj haste preparitajn de la kasisto kaj la sekretario.

La Prezidanto, Miguel Ángel Sancho
La Sekretario, Manolo Parra

## Novaĵoj

Daŭre eblas legi novaĵojn en *Forumo Agora*, atingebla per la TTT-paĝoj de HEF au per tiuj de Andaluzia E-Unuiĝo. Jen la respektivaj adresoj:

http://www.esperanto-es.org (kliku sur "Novaĵoj")
http://www.ciudadfutura.com/esperanto (kliku sur "Foro Agora")



## Donacoj

Ignacio Gómez de la Torre, el Burgos, donacis al HEF la libron *Formularios sobre asociaciones* de Juan Antonio Vázquez Espejo (Eldonejo "Comares"). La libron akompanis noto kun jena dediĉo: *Felicidades por cumplir más de 50 tacos*. La libro, kompreneble, apartenas jam al la biblioteko kaj sendube utilos por la administra disvolviĝo de la oficeja laboro.

*Ana Manero*

**Uzu por viaj donacoj al Hispana Esperanto Federacio ĉiam la bonan konton ĉe Caja Postal: 14.011.966**

## ATENTU!

Legu la informon de Fundación Esperanto kaj se vi volas ke la fondaĵo de HEF donu pli grandajn subvenciojn, ne hezitu plu kaj sendu vian kontribuon al: IberCaja (Zaragoza) kontonumero:

2085-0101-13-0128624762.





*TV-stacio intervjuas la Prezidanton*

# 58a Hispana Kongreso

Por la kongresanaro ĉio ekis la 17an de julio, je la 10a horo, kiam la organizantoj komencis la disdonadon de la Kongresa Dokumentaro en la Akceptejo, kiu situis ne en la kongresejo sed, iom for, en la sidejo de la loka grupo.

Je la 11a horo devis okazi la malfermo de Libroservo, sed la libroservanto ne povis alveni ĝustatempe kaj la helpema libroservanto de la valencia grupo devis okupiĝi pri la kontrolado de la alvenintaj libroj. Je la sama horo tamen okazis la malfermon de la Filatela eksposicio, muntita en konvena aparta saloneto, apud la Libroservo, ĉe la kongres-enirejo.

La Estraro de Hispana Esperanto-Federacio kunsidis je la 11.30, sed pri tio ni raportas aparte.

Kvankam diversaj ĵurnaloj, radio- kaj televidstacioj intervjuis la HEF-Prezidanton kaj plurajn kongresanojn, kiom ni scias, la antaŭanoncita Gazetara konferenco ne okazis.

Post la manĝo-paŭzo, je la 16a horo komenciĝis kun multaj ĉeestantoj la Cseh-kurso.

La prelegon de la brita verkisto kaj eseisto Kris Long "Aŭguri per blankaj limakoj: nomoj kaj glosoj de la verkoj de l' irlanda poeto Pearse Hutchinson", oni auskultis kun intereso substrekita per aplaŭdo je la fino.

Je la 18.00 okazis la Oficiala Malfermo. Parolis la HEF-Prezidanto, Miguel Ángel Sancho, kaj la Prezidanto de la LKK, Francisco Conejero. Poste la kongresa sekretario Augusto Casquero laŭvice invitis saluti kongresanon el ĉiu lando reprezentita en la Kongreso, kaj homojn el la diversaj hispanaj regionoj kaj eĉ urboj. Ankaŭ la direktorino de BET, Belka Beleva parolis pri la ensemblo kaj ĝia agado. Post la inaŭguro venis la Interkona Vespero. Ĝi okazis sub la libera aero, ĉe la kongreseja enirejo, kie oni

La dimanĉon, 18an de julio, je la naŭa oni malfermis la Filatelan ekspozicion kaj la Libroservon. Poste je la 10a okazis grava kunsido de *Fundación Esperanto*: Ĉeestis la patronoj Rafaela Urueña, Victor Ortiz, Antonio Marco kaj la Prezidanto de HEF kaj de la Fondaĵo: Miguel Á. Sancho. Raporton pri la fruktodona rezulto de ĉi kunveno oni povas legi sur aparta paĝo dediĉita al *Fundación Esperanto*.

Samtempe, en apuda salono, multnombra kaj entuziasma grupo de lernantoj sekvis la viglan kaj spritan Cseh-kurson gvidatan de samideano Anton Zacharias el Slovakio.

Je la 11a horo s-ro David Galadí, el la Barcelona Universitato, prezentis belegan kaj certe tre instruan prelegon pri *Astronomio*. Du projekciiloj por montri kosmajn bildojn, kaj sia pedagogia talento sufiĉis al nia juna astronomo por kateni la atenton de la publiko. Fine de la prelego, la ĉeestantoj faris kelkajn demandojn, kiujn la preleganto lerte respondis.



*Unue ni vizitis la lunon, poste...*



*Prenu teleron kaj al la vico! diris la kuiristo dum ankorau multaj sin demandas kiel eblas kuiri tiel bongustan paelon en tiel granda paelujo.*

La Kunveno de la HEF-Estraro kun delegitoj de la lokaj grupoj okazis je la 12 horo kaj 15. Ĉeestis reprezentantoj de la Grupoj Madrida E-Liceo, Kultura Asocio Eesperantista, Asociación Cántabra de Esperanto, Frateco, E-Grupo de Bilbao, Fido kaj Espero, Ĉielarko, Ĉiam Esperanto, La Malgranda Maro, E-Grupo de Alicante, kaj pluraj unuopuloj. En ĝi oni klarigis la sendube interesajn decidojn faritajn de la patronaro de *Fundación Esperanto*, rilate al la subvenciado de konkretaj projektoj prezentotaj jen de grupo jen de unuopulo, kaj kelkajn aliajn projektojn. Ankaŭ oni pridiskutis kie okazigi la du venontajn hispanajn kongresojn. Vilaĝo proksime de Madrido (ĉu *El Escorial?*) verŝajne gastigos la kongreson de la jaro 2000, kaj San Javier estos la loko kie ni kongresos en 2001.

Je la sama horo Olga Kerziouk prezentis tre interesan prelegon kun dia-




*Granda flago fonis dum la kunsido*

pozitivoj en la granda salono sub la titolo "La nova Brita Biblioteko: konstruaĵo kaj trezoroj".

Jam je la 14a horo, la tuta kongresanaro aŭtobusis al pinaro situanta apud la plaĝo por kunmanĝado de giganta paelo. Fakte, ĝi estis tiel granda ke, post abunda priservado, duono de la bonega rizaĵo restis en la paelujo! Gaja kaj "bongusta" programero, kiun kompletigis la ebleco flugi per balono speciale muntita por la gekongresanoj, sed la LKK fiaskis ĉe la plej facila parto de la organizado, tio estas informi pri tiu ebleco kaj... neniu ĝuis la flugon. Ve!

En la vespero okazis la kutimaj programeroj, kunvenoj, kaj tute improvizita babilrondo sub la ombro de kelkaj arboj sur la gazono de la enirejo. Kantoj kaj ŝercoj spicis ĉi eksterprograman "programeron", kiu ĉiuvespere ripetiĝis post la vespermanĝo en la terasoj de la urbaj kafejoj. Vera esperanta etoso.

La Internacia Arta Vespero okazis en *Plaza Mayor* kaj estis programero aperta al la ĝenerala publiko. Ĝi komenciĝis iom post la naŭa kaj duono. Dum pli ol du horoj kaj duono samideano Miguel Gutiérrez sinsekve prezentis sur la scenejo, speciale muntita de la magistrato por ĉi evento, en la hispana lingvo kaj en Esperanto, diversajn ensemblojn el Hispanio kaj Pollando, kiu vibrigis la korojn de la spektantaro per belaj dancoj kaj kantoj.

Kiel ĉiun matenon, laŭlonge de la Kongreso, la 19an de julio je la 9a horo

malfermiĝis la Libroservo kaj la ekspoziciejo. Poste je la 10a komenciĝis la Cseh-kurso kaj okazis prelego de R. Fisher, el la Universitato de Münster en Germanio, pri la temo “La Germana kulturo sub premo de la usona prestiĝo”.

Unu horon poste, je la 11a, la HEF-anaro havis sian Ĝeneralan Kunsidon konforme al siatempa alvoko, en la ĉefa salono de la kongresejo. Marcos Cruz legis la antaŭan protokolon kiuj estis aprobita. Aparte interesa estis la prezentado de la venonta kongreso, okazonta en Madrido, fare de Manuel Pancorbo.

Je la 13a horo la gekongresanoj veturis al nova angulo de la urbo por ĉeesti la inaŭguron de la tre plaĉa Placo Esperanto. Varmon, multan varmon, oni devis elteni atendante la alvenon de la urba konsilanto pri kulturo. Feliĉe la organizantoj disponigis bonegan sortimenton da manĝaĵoj kaj trinkaĵoj. Salutis samideano Francisco Conejero, la HEF-Prezidanto Miguel Ángel Sancho kaj la magistratano pri kulturo. La salutojn tradukis samideano Miguel Gutiérrez. Brila



*Sur la gazono kun kanzono*




programero kiun ĉeestis pluraj ĵurnalistoj televid-kaj radiostacioj, kiuj profitis la okazon por longe intervjui la HEF-Prezidanton.

En la posttagmezo daŭris la Cseh-kurso dum samhore okazis ronda tablo sub la temo “Nuntempa situacio de la instruado de Esperanto en Hispanio”. ILEI-anoj kaj grupo da interesitoj kunvenis por amplekse paroli pri problemoj rilate al instruado.

Je la 17a, prelegis la germana samideanino Hetwig Fischer pri la temo “Virinoj prezentas sian vidpunkton en teologio kaj eklezio". Fine de la prezentado ekestis vigla debato al kiu pluraj ĉeestantoj alportis siajn apartajn vidpunktojn.

Jam en la vespero, je la 19a, Solotronik prezentis la kanzonojn de sia tre bona lasta disko eldonita de Vinilkosmo. Lia

muzika koncerto estis spicita per belegaj kolorbildoj komputile generitaj kaj projekciita sur giganta ekrano. Vere plaĉa kaj tre interesa koncerto de la artisto el Malago, kiu daŭre evoluas jaron post jaro.

La libroservo, la ekspozicio kaj la Cseh-kurso malfermis la agadon de la 20a de julio kune kun surpriza tute ne atendita programero: literatura prezentado. Bonega, ripetinda! Du membroj el la Bulgara Esperanto-Teatro faris omaĝan legadon de poemoj el membroj de la ibera skolo kun akompano de muziko. Poste la programero plu disvolviĝis kondukata de Liven Dek, kiu, laŭ la ritmo de la prezentado, legis poemojn de liaj kompanoj Gonçalo Neves, Jorge Camacho kaj Miguel Fernández. Alia ibera aŭtoro, la kataluno Abel Montagut, aŭtoro de *Poemo de Utnoa* kaj *Karnavale*, verve legis belajn pecojn el siaj verkoj. Nia analisto kaj tradukisto Antonio Marco Botella legis diversajn poemojn, kaj al la festo aldoniĝis tre interesa aŭstralia poeto, (mi pardonpetas ĉar mi perdis lian nomon). Bedaŭrinde, preskaŭ samhore okazis ekskurso al la moderna Entrepreno *Porcelanosa*. Ĉi distra programero montriĝis aparte sukcesa kaj altiris la atenton de multaj gekongresanoj (aparte feliĉaj estis la virinoj), kiuj tiel mistrafis la literaturan prezentadon.

Post la tagmanĝo, je la 16a horo, okazis prelego pri "Esperanto en Turismo"



*Salutoj kaj dank-vortoj antaŭ la monumento al Esperanto en la Placo Esperanto*



Dialoge fluis ampoemoj




Gaja grupo de ekskursantoj ĉe la pordo de Porcelanosa



Ĉe la freŝa faro



La tuta ensemblo salutas en la fino

fare de Andrzej Grebowski, Prezidanto de Monda Turismo, kaj duonhoro poste ekis la Cseh-kurso. Monda Turismo okazigis propran kunvenon kaj, je la 18a horo, la gekongresanoj havis la okazon spekti prezentadon de Japana masaĝo Katapateo, fare de S-ino Sigita Staisiunaite.

Fine de la tag-programo, je la 21a okazis la Teatra Vespero, alia el la luksaĵoj de ĉi kongreso, kiu, bedaŭrinde, ne okazis sur vera teatra scenejo, sed en la granda salono de la kongresejo. BET, Bulgara Esperanto-teatro, aktiva jam de 1958 prezentis 3 verkojn: *Budapesta Ekzameno* de Sàndor Szathmàri, *Triktiko* de Giorgio Silfer kaj *Dramigo, laŭ la korespondado inter la komponisto kaj lia mecenato* de T. Jurukov kaj tradukita de B. Beleva. Brave! Bonvolu inviti ilin denove al la venonta kongreso en Madrido, mi petas!

**Retadreso de HEF: admin@esperanto-es.org**

La 21a de julio estis la lasta tago de la kongreso. Krom la ĉiutagaj programeroj okazis la prezentado de venontaj E-kongresoj, (Berlin, Tel Aviv, Zagreb...), kaj la Internaciaj Ekzamenoj de Esperanto. Tiu grava evento okazis unuafoje, kaj oni povis konstati ke la ĝenerala kono pri la niveloj kaj konsisto de la ekzamenoj estas tre malalta. Eble tial prezentiĝis nur unu kandidato, s-ro David Galadí-Emríquez, kiu brile sukcesis trapasi la kvinhoran (jes 5!) ekzamenon de la meza nivelo. Gratulon al li!

La ne okazigo de la Oficiala Bankedo evidentigis la feblan flankon de la kongreso: kune kun sendube bonaj atingoj fare de la LKK-anoj oni devas paroli pri iom lama organizado.

ĉe la vespero venis la malgaja tempo adiaŭi la geamikojn kaj meti finon al la Kongreso. Tial oni fermis la Filatelan Eksposicion, la Libroservon kaj... la Kongreson, sed pri tio vi legos en aparta artikolo.

## Fermo de la Kongreso

En la granda salono de la Kongresejo, kun magra partopreno, fakte multaj gekongresanoj jam foriris al siaj respektivaj loĝlokoj, okazis la Fermo de la Hispana Kongreso. Ĉe la prezida tablo s-ro Francisco Conejero, Prezidanto de LKK, s-ro Augusto Casquero kaj s-ro Luis Hernández, HEF-estraranoj, s-rino Rafaela Urueña, membro de la patronaro de Fundación Esperanto kaj s-ro Grembomwski de Monda Turismo.



*Francisco Conejero en la inaŭguro de la Placo Esperanto*

Post enkondukaj vortoj de L. Hernández, kiu prezidis la kunsidon pro neĉeesto de aliaj estraranoj, kaj adiaŭaj vortoj de s-ro F. Conejero, la diversaj prelegantoj kaj artistoj estis invititaj de s-ro Casquero diri kelkajn resumajn vortojn pri siaj respektivaj kontribuaĵoj. Post la interveno de s-rino Olaga Kerziok, s-rino Rafaela Urueña transdonis al ŝi donace ekzempleron de *La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha* por la Brita Biblioteko nome de Fundación Esperanto. Fine de tiu serio de paroladetoj, s-ro Grembowski montris sian kontentecon pro la fakto ke danke al Esperanto estis ebla la vizito de du busoj kun polaj geesperantistoj, kvankam li menciis la grumblojn aŭdatajn dum la Kongreso pro ilia tuta foresto de la kongresa programo.

*Luis Hernández*



# E-kurso en la U.A.B.



Organizita de Kultura Asocio Esperantista (K.A.E.) kaj kunlabore kun la Universitato Autonoma de Barcelona (U.A.B.) en Bellaterra, la 19an de oktobro komenciĝos Esperanto-kurso, kies daŭro estos tri monatoj (30 horoj). La kurso okazos en la aŭlo de Ekonomikaj Sciencoj kaj estos gvidata de la s-anoj Marti Guerrero i Cots, kaj Gerard Rodriguez Gil, marde kaj ĵaŭde de la 17a ĝis la 19a horo

Al ĉiu fininto de la kurso la Universitato asignos tri kreditojn de libera elekto.

*Luis Serrano Pérez*

# Niaj "KoKoj"

Ne, HEF ne havas bird-bredejon. Niaj KoKoj estas fakte pluraj KK, tio estas Kunsido de Kunlaborantoj, okazantaj en la Centra Oficejo laŭlonge de la jaro kun la celo jen prepari ĉion necesan por ke difinitaj temoj trovu definitivan solvon en estonta Estrarkunsido, jen por plenumi decidojn de la Estraro.

Ĝuste antaŭ la 58a HK okazis KK. Fakte nun, kelkaj el la rezultoj de tiu kunsido ne plu estas freŝaj, tamen ni informas pri ĝi por ke la membroj de HEF havu kiel eble plej klaran bildon pri la strukturo kaj agad-maniero de la Asocio. Jen:

De nun la sekcion "novaĵoj" de la interreta paĝaro de HEF anstataŭas la jam uzata Agora en interkonsento kun AEU. Nia kunlaboranto s-ro Pancorbo zorgos pri la enhavo kaj nia juna membro David Trigo pri administrado kaj programado. Cetere komenciĝis la serĉado de nova entrepreno cele al malaltigo de la kostoj.

La grupo de kunlaborantoj, post esploro de diversaj eblecoj, venis al la konkludo ke s-ro Pancorbo reprezentos HEF ĉe pluraj kunsidoj en la UK de Berlino (vidu la Estrardecidojn en la HK!).

Ankaŭ oni longe pritraktis plurajn punktojn pri la patopreno de HEF en venonta Expolingua.

*Miguel Á. Sancho, Prezidanto*




La pasintan 18an de julio okazis en la urbo Castellón, kadre de la ĉi-jara Hispana Kongreso de Esperanto, renkontiĝo de la Fonduso Esperanto. Ĉeestis la kunvenon la prezidanto de la Fonduso, S-ro Miguel Angel Sancho kaj la Patronoj: S-ino Rafaela Urueña, S-ro Victor Ortiz kaj S-ro Antonio Marco. La kunveno de la Patronaro pritraktis la jenajn temojn:

1.- S-ro Marco Botella laŭtlegis la raporton de la agadoj plenumitaj dum la jaro 1998, li informis ke la dokumentoj necesaj por reguligi la Fonduson, laŭ la nova hispana leĝo pri ĉi tiuj entoj de la jaro 1995, estas jam aprobitaj de la Regiona Registaro de Aragono.

2.- S-ro Marco Botella informis pri la agadoj plenumitaj dum la unuaj ses monatoj de la kuranta jaro. Li sciigis al ĉiuj ke la Fonduso, kune kun la Aragona E-Societo Frateco, aĉetis novan sidejon danke al la donacoj de malavaraj gesamideanoj. Kompreneble, nun ambaŭ asocioj devos taŭgigi la aĉetitan loĝejon, kiu devos utili ne nur por renkontigi tie ofte la tutan esperantistaron de la ĉefurbo de Aragono, sed ankaŭ por teni la arkivon kaj la riĉan libraron de la Fonduso.

3.- La Patronaro diskutis kaj aprobis la agadon kiun oni devos plenumi dum la ceteraj ses monatoj de la kuranta jaro. Konkrete temas pri:

a) Mona apogo al personoj kiuj ne havas sufiĉajn rimedoj por sekvi korespondajn kursojn.

b) Studi la eblecojn eldoni verkon en la internacia lingvo.

c) Subvencii al hispanaj grupoj aŭ unuopuloj por disvolvigi agadojn celantajn la disvastigon de Esperanto en Hispanio.

ĉ) Havigi al personoj kiuj interesiĝas pri la internacia lingvo libro-metodojn kaj vortarojn.

d) Daŭrigi la kontaktojn kun superaj instru-instancoj de Pollando, Svisio kaj Hungario por krei, estontece, stipendion kiu ebligos al hispanaj E-studentoj sekvi universitatajn studojn pri esperantologio kaj interlingvistiko.

e) Akcepti la proponon de s-ro Gutiérrez inviti al novaj lernantoj aĉeti la verkaĵon Don Kiĥoto laŭ tre favoraj kondiĉoj.

f) La Patronaro akceptis la proponon de s-ro Marco premii, venontjare, projekton celanta modernigi la Federacion, la hispanajn E-grupojn kaj ĝenerale ĉion kio rilatas al la esperantista vivo en nia lando.

g) Favorigi la ĉeeston de la Federacio kaj aliaj grupoj en ferioj aŭ renkontiĝoj kiel tiuj jam okazitaj de Expolingua en Madrido aŭ la Ferio de la Lingvoj en Gijón.

Kaj sen pliaj traktendaj aferoj oni finigis la kunvenon de la Patronaro de la Fonduso Esperanto.

# Komuniko de Fonduso Esperanto

## *Al ĉiuj hispanaj grupoj kaj esperantistoj*

Estas por ni plezure informi al Vi ke unu el la agadoj de la Fonduso Esperanto dum la kuranta jaro estas subvencii konkretajn projektojn favore al la disvastigo de la internacia lingvo en Hispanio. Ĉiuj hispanaj E-asocioj kaj kiu ajn esperantisto rajtas prezenti projektojn kiu ĉefe devas celi al unu el la jenaj agadoj:

* organizado de bazaj aŭ perfektigaj kursoj de la internacia lingvo.

* ĉeesto de nia lingvo kaj movado ene de ekspozicio, foiro aŭ renkontiĝo organizata de ne-esperantista korporacio por ĉi tiel diskonigi la internacian lingvon.

* organizado de seminario, konferencaro, aŭ ekspozicio fare de esperantista asocio aŭ izolulo same por diskonigi nian lingvon kaj movadon.

Tiuj kiuj deziras prezenti siajn projektojn devos sendi al la Fonduso Esperanto raporton kiu enhavos jenajn punktojn:

1) difino de la projekto. 2) plenumendaj agadoj. 3) nombro da personoj kiuj disvolvigos la planadon kaj necesaj rimedoj. 4) daŭro de la projekto. 5) urbo/j kie disvolviĝos la agadojn kaj nombro da partoprenantoj (eblaj kursanoj, ĉeestantoj de ekspozicio, ktp.). 6) estimo de la favora influo por la esperantista movado, ĉu nacia, regiona aŭ loka, de la realigo de la projekto. 7) buĝeto por la realigo de la projekto.

La Fonduso Esperanto disponigos mon-helpon al E-asocio aŭ al esperantisto laŭvole, kaj ĉiam por la organizado de la konkreta projekto prezentita. La Fonduso, pere de ĉi tiu programo, prefere helpos ununuran projekton, tamen se la kvalito kaj graveco de diversaj agad-planoj tion meritas, oni disdonos la subvencion al pluraj projektoj. Same, la ricevuntoj de la mon-helpo prezentus, post la okazigado de la projekto, la raporton de la plenumita agado.

La lim-dato por la ricevo de la memorandoj estas la 1a de decembro de 1.999. La projektojn oni devas sendi al la Direktoro de la Fonduso Esperanto al la jena adreso: José María Rodríguez Hernández; Fundación Esperanto; Apartado de Correos 3142; E-14080 Córdoba; retadreso: fundacion@esperanto.nu

Fine, la Fonduso Esperanto deziras sciigi al ĉiuj asocioj kaj esperantistoj de Hispanio ke unu el la plej gravaj celoj de nia Fonduso, estas favorigi la kunlaboradon inter ĉiuj esperantistaj asocioj de nia Ŝtato, kaj ĉi tiel impulsi la disvastigon de la internacia lingvo en nia Socio, cele al tio ni estas pretaj disponigi niajn rimedojn kaj nian sperton.

# Influo de Esperanto

La 23an de junio de 1999 studentino de la Unua Roma Universitato *La Sapienza* doktoriĝis pri psikologio, pridiskutante la "tezon", ke la kono de la Internacia Lingvo povas pliigi la "metalingvajn" (=lingvopripensajn) kapablojn de la infanoj, eĉ pri sia denaska lingvo.

Tiucele ŝi prilaboris la rezultojn de instru-eksperimento ESP 2, arangîta de la Tria Universitato en specimeno da italaj bazlernejoj. Laŭ la disertaĵo de tiu studentino el Napolo —kaj laŭ ŝia "referanto" prof-ino Pinto— la statistikaj datumoj konfirmas tiun tezon: la klasoj, kie oni lernis Esperanton dum unu jaro kaj duono, montris rimarkinde pli bonajn rezultojn en la testoj pri metalingva kapablaro, kompare kun ceteraj klasoj.

La eksperimento jam ekvekis intereson ĉe psikolingvikaj kaj instrusciencaj medioj.

*Maŭro La Torre, Tria Roma Universitato*



# *Interkulturo* kreskas

24 zimbabvaj instruistoj volas partopreni en la internacia eduka projekto "Interkulturo" kun siaj 11 klasoj de mezgradaj kaj bazaj lernejoj el diversaj urboj. Jam antaŭ kelkaj monatoj 3 klasoj el Lomeo petis aliĝon al la sama aranĝo.

Realigante la projekton Interkulturo 50 klasoj el ĉiuj kontinentoj "renkontiĝos" en interreta ejo —nomata Kvazaŭ Lernejo (Tibor Sekelj)— por interŝanĝi materialojn kaj informojn pri siaj respektivaj medioj kaj kulturoj. La aranĝo disvolviĝas en la kadro de ILEI, kaj estas nun prezentata al Unesko por oficialigo.

*Maŭro La Torre*



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* Eldonita de Esperanta Jura Asocio, kunlabore kun Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, aperis la 3a numero de Jura Tribuno Internacia, la jurista voĉo de la esperanto-movado. La revuo estas prezentita dum la ĵus okazita Universala Kongreso en Berlino. Sur ĝiaj paĝoj aperas artikolo de Kep Enderby, UEA-Prezidanto kiu ankaŭ estras Esperantan Juran Asocion, pri la influo de la politiko sur la juĝistaj decidoj. Jose Maria Rodriguez, direktoro de la revuo, verkis artikolon pri la ekspansiema suverenec de la ŝtatoj ĉe la alta maro kaj konkrete pri la maraj zonoj proklamitaj de la Respubliko Ĉilio. Aperas ankaŭ sur la revuo raporto pri la mort-komdamnita Billy Waldon, esperantisto kiu atendas la morto-punon ĉe usona malliberejo. Sur la revuo oni recenzas la verkon de Rafaela Urueña ABC de la Eŭropa Unio. Enkondukon en la Eŭropan Juron eldonita de la Universitato de Santiago de Compostela. Kaj fine aperas la tradukon de la Konvencio pri Konsulaj Rilatoj, verkita de la elstara aŭstralia samideano Ralph Harry.

* Por ĉeesti someran universitatan kurson pri la hispana lingvo restis en la urbo Kordovo dum unu monato la samideano Daniele BINAGHI de Vicenza (Italio). Unuamomente la kurso devis okazi en la malaga vilaĝo Mollina, ĝuste ĉe la Eŭrop-Amerika Junulara Restadejo de tiu urbo, tamen lastmomente, la hispanaj aŭtoritatuloj gastigis sur tiu ejo grupon da kosovaj rifuĝintoj kiuj venis en Hispanion. Pro tio la kurso finfine okazis en Kordovo. La hispanlingvan kurson ĉeestis kvindeko da eŭropaj gejunuloj, venantaj de ĉiuj ŝtatoj. Daniele profitis la kurson por propagandi Esperanton inter siaj kunuloj.

## Aragono

La 26an de junio, la Zaragoza esperantistaro omaĝis samideanon *Antonio Marco Botella* okaze de la 62-jara datreveno de lia esperantistiĝo.

Antonio Marco Botella

Oni volis premii lian konstantan aktivadon kaj sindonemon same en la loka rondo kiel nacie kaj internacie. Dum tagmanĝo okazinta en restoracio *Alfonso la 1a*, la prezidanto de *Frateco* s-ro Victor Ortiz transdonis al nia kamarado arĝentan tabulon kun emociiga dediĉo. Krome s-ro Jaime Benito, unu el liaj lernantoj de antaŭ

kvindek jaroj, metis sur lian bruston oran insignon, kaj rememorigis al la kunvenintoj per emociigaj vortoj, ke s-ano Marco Botella esperantistiĝis en 1937, gvidis sian unuan kurson en Alĝerio en 1939 kaj poste multnombrajn en Zaragozo. Li estis ĉefredaktoro de *Boletín* kaj *Kajeroj el la Sudo* preskaŭ dum jardeko, verkis multajn artikolojn en gravaj E-revuoj, organizis kongresojn, prelegis ofte, kaj publikigis dekon da libroj. Cetere tre gravas lia sukcesa lastatempa agado por revigligi *Fundación Esperanto.*

La omaĝito esprimis per mallongaj frazoj sian dankemon, kaj precipe reliefigis la pruvon de bona amikeco de tiom da samideanoj.

*Victor Ortiz*

## Asturio

Du artikoletoj aperas en la ĵurnalo de Avilés de la 16a de junio kaj la 8a de julio. La unua pri la akcepto de kuba esperantistino kaj la dua pri la apero de la 22a numero de la 16-paĝa bulteno Antaŭen, eldonita de la Avilesa Esperanto-Grupo.

## Eŭskio

* Je la unuaj oktobraj tagoj, komencos 2 E-kursoj, elementa kaj perfektiga, en la Grupo de Bilbao, gvidataj de Inaki Velez kaj Santiago Martin.

Bilbaanoj sur la supro

* Tri bilbaoanoj (Vidu foton) partoprenis la kongreson de HEF en Castellon kaj kvar la UK en Berlino; eĉ unu el ili vojaĝis en la bus-karavano organizita de niaj valenciaj samideanoj.

* Diversaj homoj, kelkaj el ili ligitaj al E-Grupo de Bilbao, starigis novan asocion, kies nomo estas "Asociacion Linguistica Nazioarteko Hizkuntzaren Lagunak - Amigos de la Lengua Internacional, (NAHIZ)". Ĝiaj celoj, interalie, estas trastudi la diversajn projektojn pri "naturaj" aŭ "artefaritaj" lingvoj, kies ĉefcelo estas fariĝi internaciaj; ligite al tio, antaŭenpuŝi ĉiujn agadojn celantajn tiun idealon surbaze de neŭtraleco kaj samrajteco.

La estraro de la nova asocio estas: Prezidanto: Sabin Orueta

Mendia; Sekretario: Miguel Garcia Iturrioz; Kasisto: Jose L. Bringas Tellechea. Provizore, la sidejo troviĝas ĉe la loĝ-adreso de la Prezidanto kaj estas asocio malfermita al ĉiuj homoj interesitaj pri la ekzisto de unu lingvo internacia.

## Katalunio

Kadre de siaj kutimaj "Babiladoj", la 27an de junio 67 personoj festis la "Trian tagon de Hispana Esperanto-Muzeo", sa-

mtempe festante la 25an datrevenon de la inaŭguro de la konstruaĵo de la Muzeo.

La kunvenintoj debatis la temon "Raŭmismo" surbaze de dokumentaro sendita de la kooperativo de LF al la organizantoj. Dua parto de la debato celis la "Esperantan Civitanecon". Sed tiu temo fakte vekis nenian entuziasmon. Cetere oni prezentis kvin tabuletojn honore al bedaŭrataj helpantoj de la Muzeo: Josep Iverm, Ramón Jimenez, Robert Castelló, Ramón Martí kaj Alfred Conigeth, kun la Ĉeesto de multaj familianoj de la omaĝatoj.

Poetino Maria Canals Pujol dediĉis poemon al ĉi tiu okazintao. Ĝin deklamis sia propra filo Domenech.

Ĉeestis 67 gesamideanoj, malavare gastigataj en la ĉampankelo "Massana" (propao de familiano Izal-Massana), kie ankaŭ troviĝis abunda bufedo. Venis eĉ eksterlandaj bondeziroj: Jean Amouroux el Francio kaj Milan Sudec, el Kroatio.

*Luis Serrano*

* En la ĵurnalo *Diari de Sabadell* aperis la 15an de julio bone dokumentitan artikolon pri la partopreno de la lokaj e-istoj en la 58a Hispana Kongreso. Post la evento tiu ĵurnalo publikigis foton pri la inaŭguro de la Placo Esperanto en Castellón kun informeto pri la partopreno de KAE-membroj.



## Madrido

* En septembro Onda Madrid kaj Onda Cero elsendis informojn pri esperanto.

* Juan del Castillo gvidos bazan ekurson en Oktobro 2 tagojn semajne.

* MEL aperigis la 5an eldonon de *Adresaro de Esperantaj Grupoj*. Por ricevi ĝin oni sendu 70 pesetojn en formo de poŝtmarkoj.

## Tutlande

En la tre konata revuo *Net magazine* n-ro 46 de ĉi tiu jaro aperas tuta paĝo dediĉita al Esperanto kun bildo de la TTT-paĝaro de HEF sub la subtitolo *Recomendado* (rekomendita), kaj multe da informoj pri vizitindaj lokoj en la interreto. Krome la diversaj proponitaj TTT-paĝoj ricevas poentaron laŭ ties intereso, kaj, kredu, ne kredu, "9" estas la plej multe uzata kvalifiko!

S-ro Damián Castaño (Novaĵagentejo EFE) kontaktis la Centran Oficejon leginte en la HEF-paĝaro, ke okazos Hispana Esperanto-Kongreso en Castellón. Kompreneble, oni sendis al li informojn pri la kongreso kaj, reage, li tuj petis intervjuon.

Ana Manero, deĵoranta en la C.O. respondis la demandaron de la ĵurnalisto. La rezultantan artikolon dissendis EFE kaj legis, interaliaj, la redaktoro de "Radio Universidad de Navarra", kiu intervjuis nian Prezidanton M. A. Sancho kaj s-ron A. Casquero.

# LKK

Jen la provizora listo de LKK-anoj de la 59a Hispana Kongreso, okazonta en El Escorial, Madrida Komunumo, en la jaro 2000.

Buĝeto: Miguel Ángel Sancho
Informado: Manuel Pancorbo
Programo: Marcos Cruz
Kongreslibro
kaj materialo: Mónica Cruz
Administrado: David Trigo
Adreso: 59a Hispana Kongreso de Esperanto; Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7a; ES-28015 Madrid.

Cetere, kiel kutime, Manuel Pancorbo sendis gazetaran komunikon pri la HK al la ceteraj novaĵagentejoj kaj amaskomunikiloj disponeblaj ĉe nia datumbanko.

*Ana Manero*

## Valencio

De la 19a de oktobro, ĉiumarde inter la 16a kaj la 18a horoj, okazos senpaga kurso de Esperanto en C.E.P.A. Reina Doña Germana, c/ Bellús n-ro 5-1.

La instruado baziĝos sur la rekta metodo kun la helpo de vidbendoj, kasedoj kaj komputilo por internaciaj kontaktoj pere de Interreto. Fine de la kurso la lernintoj ricevos atestilon subskribitan de C.E.P.A.

*Augusto Casquero*



*UK: Jesús de las Heras parolas kun la Prezidanto de UEA*



*UK: La junularo dancas dum la koncerto de Persone*

## Hispana saluto al UK

Manuel Pancorbo salutis la universalan Kongreson en la nomo de HEF. Jen liaj vortoj: En la grandioza verko "La Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha" legeblas: "hispanoj kaj germanoj inter si bonaj kompanoj"; do, la hispanaj geesperantistoj deziras ke ni ĉiuj, mondcivitanoj preter niaj naciecoj, ankaŭ estu bonaj kompanoj. Saluton je ilia nomo.

# Rezolucio de la 84a UK



UK: bunta kaj gaja

*Kunvenanta*

en Berlino, Germanujo, de la 31a de julio ĝis la 7a de augusto 1999, kun 2712 partoprenantoj el 65 landoj;

*Debatinte*

pri la temo "Tutmondiĝo — ŝancoj por paco?";

*Konstatinte*

ke la celo de la Internacia Lingvo Esperanto ekde la plej fruaj tempoj estas liveri al la mondo egalecan formon de komunikado, kiu konservas la etnajn lingvojn por ties utiligo interne de la diversaj regionoj, nacioj kaj etnoj, kaj per tio certigas eblon de egaleca partopreno por ĉiuj popoloj en la tutmondiĝa procezo, kaj samtempe ŝirmas la kulturan multkolorecon de nia terglobo;

*Analizinte*

la aktualan, ĉiam pli rapidan disvolviĝon de la tutmondiĝo, kiu tamen realiĝas lau modelo, kiu kuntrenas la elĉerpon de la naturaj rimedoj de nia planedo, tio estas de nia heredaĵo al la postaj generacioj, kaj kiu alprenas en multaj rilatoj la formon de super-regado fare de la plej prosperaj landoj de la mondo, kaj sekve elvokas la fortiĝon de naciismo kaj apartiĝemo multloke, kio siavice endanĝerigas pacon;

*Notinte*

— ke la intenacia komunumo komencis alfronti tiun problemaron ekzemple per la Konferenco de Unuiĝintaj Nacioj en Rio-de-Ĵanejro en 1992, en kiu partoprenis la Esperanto-movado,

— ke Unuiĝintaj Nacioj, Unesko kaj la aliaj instancoj de Unuiĝintaj Nacioj devas plu havi centran rolon en la komuna klopodo por ekologia sekureco, homaj rajtoj kaj justeco en la mondo;

*Alvokas*

— al Unuiĝintaj Nacioj, al ties instancoj, al ĉiuj internaciaj forumoj, al la ne-registaraj organizaĵoj kaj al la uzantoj kaj parolantoj de Esperanto tra la mondo, doni gravan atenton al tiuj ĉi aspektoj de tutmondiĝo, kaj klopodi direkti la procezon tiel, ke ĉiuj homoj de la terglobo profitu el ĝi. Tio povas okazi nur ĉe senkondiĉa respekto de ĉiuj homaj rajtoj, inkluzive de la rajtoj je lingva kaj kultura diverseco;

— al la ekonomie prosperaj kaj politike fortaj ŝtatoj celi ne asimilon de la cetera mondo sed unuiĝon kun ĝi surbaze de reciproka kompreno, respekto kaj reciprokaj avantaĝoj, ĉar nur tia tutmondiĝo povas garantii por la homaro solidan pacon en vera feliĉo.




La ambasadoro Eduardo Delgado Bermúdez, Ĝenerala Direktoro de ACNU, laŭdis la laboron farita de Kuba Esperanto-Asocio en kunlaboro kun ACNU kaj prezentis la Ĝeneralan Sekretarion de KEA, kiu prelegis pri la temo.

*Alberto García Fumero*

## Kulturaj eventoj

jen tri aranĝoj kie ĉefrolos la muziko:

* De la 29a de junio ĝis la 4a de julio 200 okazos FESTO en Saint-Chamond (proksime de Lyon), Francio.

* De la 5a ĝis la 9a de julio 2000 en Tuluzo, Francio okazos KAFE (Kultura Arta Festivalo de Esperanto). Inofmroj: EUROKKA; FR-31450 Donneville; Francio. Tel/fakso: +33-561.81.95.95.

* De la 13a ĝis la 20a de aŭgusto 2000 okazos KEF en Finnlando. Unu el la invititoj estas Miguel Fernández!

## Filmo

Aperis 40-minuta videofilmo de NANDIR titolita: Tra Tanzanio per sia esperantistaro. Dum 10 tagoj, la filmisto Zavoĵaĝis tra la afrika lando gvidita de esperantistoj.

## Kubo

La 8an de septembro okazis en la sidejo de Kuba Asocio je Unuiĝintaj Nacioj (hispane: ACNU) simpozio kun temo: "la Sistemo de Unuiĝintaj Nacioj kaj Esperanto".



*La Papo estas la sola statestro kiu uzas Esperanton*

## La Papo kaj Esperanto

La 10an de junio 1999 la papo Johano Paŭlo la 2a dum sia vizito al Pollando ricevis Medalon de Toleremo, kiun enmanigis d-ro Ludoviko K. Zaleski Zamenhof, akompanata de la prezidantino de Fondumo Zamenhof en Bjalistoko, prof. Hanna Konopka. La solenaĵo estis televide elsendita por tuta Pollando.

Medalo de Toleremo estis aljuĝita al la papo la 14an de aprilo 1999 far kapitulo, kiun krom la reprezentantoj de la Fondumo konsistigas ankaŭ elstaraj personoj de Bjalistoka socio, i.a. la Ĉefepiskopo Stanislaw Szymecki.

Dro Zaleski Zamenhof difinas la toleremon kiel respekton al iu ajn alieco, i.a. rasa, nacia, kultura, lingva, seksa, religia. Tion ĉi ankaŭ entenas esperantismo laŭ la koncepto de Ludoviko Zamenhof.

*Roman Dobrzynski*

## Svedio

En sveda interreta gazeto, Telegram, aperas regule anoncbanderolo pri E-o., kun ligilo al la reta informejo de Sveda Esperanto-Federacio. Aparta anonceto reklamas la kioskon de SEF kun pli ol dekmil ligiloj al gazetoj internacie.



## Islamo

La estraro de la Universala Islama Esperanto-Asocio sciigas ke ili disponigas senpage al petantoj la jenajn verketojn: de s-ro Muhammad, La vivhistorieto de la islama profeto; de Alif Laam Miim, La unua parto de la islama sankta libro, La Kuraan; Kuraana leciono (Facila traduko de la unua parto de la Kurano en 10 partoj); Tezoj pri Islamo (respondo al dek demandoj de neislamanoj); Lasta parolado de Lasta profeto (bazaj dokrinoj de Iskamo).

Oni devas pagi tamen la sendokoston tial do oni sendu unu internacian respondkuponon pro ĉiu mendita verketo al: Universala Islama Esperanto-Asocio; Informa centro, Esperanto Chowk; Lower Mall, Murree; 47150 Pakistano.

## Esperanto helpas trafiki

* La 10an de julio 1999 oni inaŭguris nova cirklokruciĝon Esperanto en la elzaca potfarista urbeto Betschdorf. Ĉeestis sesdeko da esperantistoj el Francio kaj Germanio, kaj prelegis la urbestro, S-ro Adam, kaj la prezidanto de la *Asocio Esperanto France-Est*, s-ro Gilbert. La muzika programo konsistis en kantado en Esperanto de loka koruso gvidita de loka esperantistino. La urbestro dankis kaj miris pro la granda nombro da bondezir-mesaĝoj el la tuta mondo.

*Edmond Ludwig*

* La Roche-sur-Yon ĉefurbo de Vendee (Francio) dediĉis trafikcirklon al Zamenhof. La inaŭguro okazis la 18an de septembro. La urbon havas 45.000 loĝantojn kaj situas 60 km sude de Nantes. Bonvenaj estas gratulkartoj kaj mesaĝoj al la urbestro: Monsieur Jacques Auxiette; Maire de La Roche-sur-Yon; BP 829, FR-85021 La Roche sur Yon Cedex, Francio; Retadreso: presse@ville-larochesuryon.fr

*Henri Masson*

## Prezidanta akcepto

De la 4a ĝis la 10a de septembro 1999 okazis la 7a Internacia Turisma Semajno en Malto. Partoprenis 8 maltaj kaj 26 eksterlandaj e-istoj el 8 landoj, inter ili la Ĝenerala Sekretario de UEA Michela Lipari kaj la akademiano Carlo Minnaja.

La Prezidento de la Malta Respubliko Prof. Guido de Marco,

akceptis la partoprenantojn ĉe sia Palaco en La Valeto.

## Aplikado

Germana firmao "Naturprodukte Dr. Pandalis" (naturaj produktoj de D-ro Pandalis) iniciatis Esperantajn interretopaĝojn pri siaj produktoj ĉe: http://www.pandalis.com

## William Auld Prezidanto

La Asembleo de Esperanta PEN-Centro elektis William Auld kiel novan prezidanton. Li anstataŭas kolegon Istvan Nemere, kiu retiriĝas post naŭjara mandato. Nemere tamen restos en la Komitato, kiel vicprezidanto.




- ✓ Mi serĉas partnerojn por komerci. Mi eksportas ĉinajn tapiŝojn, tekstilaĵojn kaj aliajn varojn. Dir. Wang Chengzhi, Yantai-a Verd-stela Arta Kompanio Limitita; 34 Daguan Antaŭ-str.; Yantai; Ĉinio. rete: grenstar@public.ytptt.sd.cn; tel. 0086- 535-6201088; fakso: 535-6251697.
- ✓ FLAM (Fabrikanaj Laboristoj Memstaraj) ofertas plurajn produktojn. Jen ili: biskvitoj, konfitaĵo, sukera trinkaĵo, salitaj fiŝoj, viskio, trinkaĵoj ekstraktitaj el zingibro kaj el avokadujo (verdan vinon). Oni serĉas apogantojn kaj kunlaborantojn. S-ro Mbo Nsele Moyame; B.P. 14.518, Kinshasa 1; Rép. Dém. du Congo (antaŭe Zaïre).ro Mbo Nsele Moyame; B.P. 14.518, Kinshasa 1; Rép. Dém. du Congo (antaŭe Zaïre).



# Ĉio havas sian "sed" kaj "se"

(Proverbaro Esperanta)

## Polemiko — fruktodona semo

La apero de la artikolo "HEF? Pli bone, dankon!" kaŭzis la antaŭviditan efikon: ekestis polemiko.

Nu, ĉu bone? Laŭ mia persona kriterio, jes. La hispana movado silentemas kaj, kvankam onidire "silento estas konsento", mi preferas etoson pli viglan, pli "vivan". Ekzemple, krom la nuna polemiko pri premio, mi ŝatus vidi fajran debaton pri niaj Asocioj kaj Grupoj. Ĉu ili konvene agas en la nunaj sociaj kaj historiaj cirkonstancoj? Ĉu iliaj estraranoj havas klaran bildon pri la irota vojo? Kion do ili faras por kontribui al la "Kampanjo 2000 de UEA"? Ktp. ktp. ktp...

Kunfluu do ĉies ideoj sur virtualan arenon: unue estu la paĝoj de Boletín, kaj poste se necese, kial ne, aparta kunveno de nia estonta kongreso en Madrido. Ni ne timu riĉigi nian vivon per modera kaj pozitiva diskutado bazita nur sur la forto de trafaj argumentoj.

Maturaj homoj ni estas, tial do ni bone scias ke la celo de la respektivaj alportantoj de ideoj celas nur la plibonigon de nia agado favore al la disvolviĝo de nia komunumo. Alportu do viajn semojn kaj ekĝermu belaj floroj!

*Miguel Gutiérrez*

### Pri la premio Klara Silbernik

En la numero 341 de Boletín aperis artikolo de Jorge Camacho (HEF? Pli bone, dankon!), en kiu li esprimas sian opinion pri la premio Klara Silbernik.

Mi tre ĝojas ke estas viro tiu, kiu rimarkigis la nuntempan netaŭgecon de tia iniciato. Ankaŭ mi ŝatus fari kelkajn konsiderojn pri ĝi.

Unue, la premio estas, laŭ sia naturo, esence maljusta kaj por la ricevanta virino kaj por ŝia edzo. Por la edzo, ĉar fakte temas pri agnosko de lia meritoplena agado pro esperanto, sed ne li, sed ŝi ricevas la agnoskon. Por la edzino, ĉar la meritoj agnoskataj ĉe ŝi estas eltenemo, silentemo, pasiveco kaj anonimeco. Kvazaŭ ŝi kapablus pri nenio alia.

Due, ne ekzistas paralela premio por viro "kiu ĉiam estis flanke de sia edzino, kiun li plene apogis". La afero estus same sensenca, sed almenaŭ ekvilibriga ĉar edziniĝinta virino laboranta por esperanto vidus siajn klopodojn iel agnoskataj.

Trie, fraŭloj kaj fraŭlinoj neniam ricevos agnoskon, eĉ ne flankan, pro sia sindediĉo. Persone, mi ne vidas la bezonon de kia ajn premio, sed se io tia plu ekzistas, oni aljuĝu la premion al homo (viro aŭ virino), kiu pro siaj propraj agoj ĝin meritas.

Laŭ mia scio, estas neniu alia lando kie oni premias flankstaron de virino. Eble Hispanio estas ankaŭ la lando kie malpli da virinoj aktivas. Verŝajne unu afero tute ne rilatas la alian sed, ĉu ne ĝi estas pensiga?

*Ana Manero*

## Pri la Premio Klara Silbernik

### kaj aliaj temoj

Mi konfesas mian admiron por la verkado de Jorge Camacho, akademiano kaj de longe bona esperantisto, jen kial en mia tempo kiel ĉefredaktoro de *Boletín* ofte mi petis al li artikolojn, kaj certe li neniam desapontis min. Nun, post kvarjara vivado en Bruselo li revenas al Hispanio kaj en lia unua artikolo, aperinta en nia bulteno, n-ro 341, li ja seniluziigas min, ĉar li montras aspektojn ne tiel pozitivajn kiel antaŭe, kaj mi bedaŭras tion diri…

Li komencas sian artikolon prijugante *Boletín* sed, jen mia unua surprizo, ne la enhavon (kio sajnas pli kohera por inteligenta homo) sed nur la kovrilon, kaj komparas la nunan al la antaŭaj, al kiuj li dediĉas ne agrablan opinion kaj ankoraŭ pli rigore al tiuj pli malnovaj. Ĉu estas necese diri al nia brila akademiano ke, la tekniko dum tiuj pasintaj jaroj ne estas komparebla al la nuna, aŭ ke la mono tiam disponebla de HEF por tiuj taskoj apenaŭ sufiĉus nun por publikigo de dupaĝa gazeto? Ekz. ni devis ĉiam akcepti kovrilon kaj la koncernan foton per sama koloro, ja unu sola kolorsanĝo signifis tian plialtiĝon de la prezo, ke ni eĉ ne unu momenton povis pensi pri eventuala kolor- aŭ desegno-sanĝo. Do ne temas pri talento, kapablo aŭ fantazio, tute simple ĉio dependis tiusence pri mono kaj tekniko. Kiel amiko mi konsilas vin, amiko Camacho, neniam kritiki tion kion vi ne konas, ĉar plurfoje la koncerna responsulo de *Boletín* multe suferis pro financaj limigoj, do en neniu kazo ili meritas nun aldonan kritikon, precipe de tiuj kiuj sin rigardas kapablaj, sed kun la manoj en la poŝo rigardas kiel la aliaj laboras kiel eble plej bone.

Rilate al la nomo de *Boletín*, nenion plian mi aldonos krom tio jam dirita en la n-ro 341. Nur demandeton: kial vi ne informiĝas iomete pli pri la historio de Esperanto en Hispanio?

Rilate al viaj rimarkoj al la teksto aperanta en la Enkonduko de la "Katalogo de libroj" de nia Libro-Servo, mi volas diri ke certe ĝi bezonas certan stilo-modernigon, sed kial ne tion sugesti per pli modera tono kaj ne tiel acide kiel vi faras publike? Ni estas profunde dankaj al la laboro kaj sindonemo de la homoj laborantaj en tiu fako, kaj tiu akra kritiko tute ne decas.

Alia kritiko via, pri kiu mi tute ne konsentas, estas tiu pri la Premio "Klara Silbernik". Efektive oni premias virinon

kies edzo arde laboras en nia movado, ĉar si "ĉiam estas flanke de sia edzo kaj plene apogas lin". Ĉu ne estas premiinda ke, persono kiu vivas ĉiutage kun vi estu sufiĉe komprenema kaj tolerema kun via idearo kaj memdediĉo, eĉ ne opiniante kiel vi? Miaopinie, jes, ŝi estas juste premiinda, tamen mankas io por aktualigi la Premion: ankaŭ premii edzon kiam temas pri esperantistino. Mi konas pli ol unu kazon pri virinoj en tiu situacio kaj mi sugestas al la organizantoj de tiu Premio tiun sanĝeton. Ankaŭ via propono premii la plej aktivan esperantistinon de la jaro estas bona solvo al la dezirata modernigo de tiu Premio.

Mi volas kredi, amiko Camacho, ke via artikolo estas produkto el via reago antaŭ iuj negativaj aspektoj kiuj okulfrape impresis vin tuj post via alveno; ke en neniu kazo vi pretendis vundi la memestimon de tiuj kiuj fakte subtenas nun nian movadon pli aŭ malpli bonstile. Nur mi volas diri al vi ke, via piroteckniko, kontraŭ tio kio ne plaĉas al vi, ne estas akceptebla de tiuj kiuj fordonas al nia ĉiutaga tasko ĉion plej bonan el si. Ni volus vidi sur la areno talentajn homojn, kiel vi mem, anstataŭ ilin vidi nur en elitismaj kaj kritikaj sintenoj: *"nur ne eraras tiu kiu nenion faras"*.

Malgraŭ ĉio dirite, mi volas eltiri ion pozitivan el viaj kritikoj en kelkaj aspektoj pravaj: ja la esenco de viaj kritikoj estas modernigi nian internan aparaton kaj generale kaj samtempe ankaŭ la eks-

# Mi admiras vin, Ángeles!



Ĉi jare la premion Klara Silvernik ricevis homo kun apartaj meritoj: S-ino Ángeles Martinez Liévana.

Vere kortuŝa esti ja la ceremonieto en kiu oni liveris al ŝi la premion. Post ricevo de florbukedo kaj de la medalo, Ángeles volis danki, sed la emocio nur permesis al ŝi diri kelkajn vortojn... en Esperanto, kompreneble. Ĉar ŝi ne estas tiu pacienca edzino kiu dum jaroj toleris kaj rezignacie akceptis la agadon de la edzo akompanante lin en ĉiu e-aranĝo, tute ne! Ŝi estas brava virino kiu neniam kontentiĝis per pasiva sinteno. Fakte ŝi, jam avino, kun evidenta peno alproprigis al si la lingvon. Jaron post jaro vi, Ángeles, surprizis nin per via kuraĝa evoluo. Sincere mi devas konfesi ke ankaŭ mi emociiĝis kiam ĉi jare vi ricevis la premion.

Vivu la homoj, kiaj vi!

*Miguel Gutiérrez*

teran aspekton de HEF, eĉ se eble (laŭ via diro) ĝis profesia nivelo, sed tio tute ne signifas abomeni nian pasintecon kaj nian historion kaj neniel postulas humiligi la modestajn homojn kiuj nun subtenas nian movadon, tiusence mi proponos al *Fundación Esperanto* prezenti venontjare konkurson kiu premios la plej bonan projekton por la modernigo de HEF kaj de la E-Grupoj. Al mi plaĉus legi vian projekton!

*Antonio Marco Botella*

## Reage al kritika artikolo

En paĝoj 23 kaj 24 de *Boletín* n-ro 341, de majo-junio 1999, aperas kritika artikolo titolita: "HEF? Pli bone dankon!", verkita de s-ro Jorge Camacho, pri kies enhavo ni, la subskribintoj, precizigas la jenon:

1) Ni solidare apogas la pluan ekzistadon de la tradicia nomo *Boletín*, kiun defendas, en sia artikolo, s-ano Antonio Marco kaj aliaj veteranoj hispanaj (vidu paĝon 25 de la menciita HEF-organo).

2) La internacia radiko "esperantista" ja troviĝas ĝuste difinita en la hispana vortaro. Same *movimiento* "movado". Do, nenia risko de konfuzo ekzistas. Cetere, ĉu en Esperanto oni devas modifi radikon, ĉar ĝia senco estas diferenca en iu nacia lingvo? Tiurilate ne prosperis la propono, de pedanteca esperantisto portugala, ŝanĝi la radikon "puto", ĉar en lia lando (kaj en la nia!) ĝi sonas iom malagrable…

# Omaĝe

Forpasis en Granada unu el la plej elstaraj hispanaj esperantistoj, eble la plej veterana kaj sendube brila inter la plej brilaj, samideano Justo Estañ Canales. HEF-membro, ĝismedola esperantisto kaj majstro pri ĝusta E-parolado.

Li naskiĝis en Callosa de Segura (Alicante), sine de familio el idealistoj. Tre juna elmigris al Francio en 1928, okaze de industria krizo. En Francio li lernis Esperanton sub la gvido de Lidya Zamenhof, pri kiu li parolis tre laŭde "ne nur kiel dokta instruistino sed ankaŭ kiel fascina persono".

Justo Estañ trovis en la "interna ideo" porpacan homaman idealon celantan la interkomprenon, kaj fidela al tiu ideаro li vojaĝis kun hebrea e-amiko dum la 30aj jaroj tra Eŭropo, disvastigante ne nur la lingvon sed ankaŭ la "internan ideon". poste li daŭrigis sola la taskon kaj bicikle trairis Svedion dum unu jaro, gvidis tie E-kursojn kaj, romantike fervora, li predikis al svedoj la universalan fratecon.

Ne longe li restis inter la e-istoj el Callosa, kie li rakontis al ni siajn "aventurojn", instruis nin pri la ĝusta elparolo kaj instigis nin pensi kaj kanti en Esperanto. Post tiu sperto mi povas certigi ke, kanti, estas taŭga sistemo por regi kaj flue paroli lingvon.

Malfacilas trovi homon kun tiel flua kaj eleganta parolado. La e-istoj de Callosa, ni, viaj amikoj kaj fratoj, neniam forgesos vin, kara Justo!

**Aldone** al la artikolo "Venu studi la esperantlingvan tribon" de Ana Manero, Boletín 341, oni devas mencii 7 katalunlingvajn universitatojn, kiuj ricevis la inviton partopreni en la UK, danke al kunlaboro de s-ro David Galadí. Ili estas: Universitat d' Alacant; Universitat Autònoma de Barcelona; Universitat de Girona; Universitat de Illes Balears; Universitat de Lleida; Universitat Pompeu Fabra; Universitat Rovira i Virgili.

Nian kondolecon al lia familio. Ripozu pace poreterne, nia bonkora kamarado kaj majstro!

*Antonio Marco Botella*

## Forpasis

La pasintan 28an julio forpasis nia konata samideano Mariano Gastón Burillo. Li loĝis en Salamanca kaj estis frato de la fratinoj Inés kaj Emilia Gastón el Zaragoza. Mariano Gastón same kiel siaj fratrinoj estis denaska esperantisto.

*Rafaelai Urueña*



*Antonio Valén, vortaristo kaj... poeto*

# Ibere... fiere

Nur tri iberaj aŭtoroj prezentiĝis ĉi jare al la Belartaj Konkursoj de UEA, sed... Ili ĉiuj ricevis premiojn!

Poezio — 1a premio: Antonio Valen pro "Amafer' iama"; 3a premio: Goncalo Neves pro "Amoroj"; Honora mencio: Goncalo Neves pro "Gagat'" kaj "Aglo". Partoprenis 52 verkoj de 25 aŭtoroj el 17 landoj.

Prozo — Honora mencio: Jorge Camacho pro "Ludwig". Partoprenis 20 verkoj de 14 aŭtoroj el 12 landoj.

Eseo — Premio "Luigi Minnaja": Gonçalo Neves pro "Niaj verboj sen veproj". Partoprenis 7 verkoj de 7 aŭtoroj el 7 landoj.






## Proyectos de Lengua Universal

La contribución española
de María Luisa Calero Vaquera
Imprenta San Pablo, Córdoba 1999

La aŭtorino de tiu ĉi verko sendis ĝin al la Biblioteko-Muzeo de Sant Pau de' Ordal. ţiu verko estas tre interesa por ĉiu persono, kiu volas koni la historion de multaj projektoj de internaciaj lingvoj, kelkaj el ili tute artefaritaj kaj aliaj elĉerpantaj radikojn el diversaj naciaj lingvoj.

La unua ĉapitro studas la kreadon de internaciaj lingvoj en Eŭropo ekde la 17a jarcento ĝis la nuna tempo. La dua ĉapitro estas dediĉita al lingvoj de hispanaj iniciatintoj.

Bedaŭrinde, tiu ĉi verko forgesas studi la esperantan lingvon, la internacian lingvon plej larĝe disvastiĝanta sur la terglobo, kun grava literaturo, multege da revuoj, ĉiujaraj kongresoj, radioelsendoj, ktp. En la verko, Esperanto estas menciita nur kiel lingvo devenanta el Volapük (!).

*Martí Guerrero*

## Jen aperis

Jen la listo de libroj laste alvenintaj al HEF. Ili apartenas jam al la Biblioteko Juan Régulo.

* **Altigu vian lingvan nivelon**: Literaturo en Esperanto Nicolino Rossi kaj Renato Corsetti. Materiali di Interlinguistica ed Esperantologia 10. Milano: COEDES, 1999. 64 p. 29,5 cm. Esperantlingvaj referaĵoj de seminario okazinta en Napolo.

* **10 jarojn poste. Prifutura aventuro** verkis kaj desegnis Johnny Humphreys. berkeley. Bero. 1995. 28 p. 28 cm. bildrakonto pri la mondo post nuklea katastrofo.

* **Kodo de Hamurabo** *Traduko kaj komentario de unu el laplej antikvaj jurkodoj (1700 jaroj a.K.)* trad. Tom Arbo Hoeg kaj Odd Tangerud. Andaluzia Esperanto-Unuiĝo kaj Esperanta Jura Asocio 1999. 82p. 21 cm.

* **Ĉiuj kune** *Aktoj de la 1a Kunsido de la Strategia Forumo de la Esperanto-komunumo. Montpeliro, 3a aŭgusto 1998.* R. Corsetti, Lee C.-Y, H. Tonkin, Y. Peyraut, A. Korĵenkov. Rotterdam UEA, 1999. 20 p. 21 cm. Esperanto-Dokumento 35E.







## Rapide kreskas la kolekto

Jen aperis la 6a kaj la 7a k-diskoj de *Kolekto 2000* eldonitaj de Vinilkosmo.

*Ŝako*, naŭtitola albumeto, prezentas la muzikon de la argentina bando La Porkoj, kies kantisto mirinde donas laŭvice viglan rokmoviĝemon en siaj ro-kritmaj titoloj, kaj melodian latin-blusan etoson en la akustikaj.

Poeziaj tekstoj sentimaj kaj senbridaj liberigos viajn tabuajn hezitojn por fine plezurega rokdanco kaj kunkantado.

Oni ŝategos La Porkojn pro la ĉarma, mistera, kaj varma voĉo jen rokeca, jen kanzoneca de Alejandro Cossavella (pre-miita en la Belarta Konkurso de UEA en Montpellier en 1998). Ne plu eblos kon-gresumi sen aŭdi kelkajn el la furoraj kantoj kiujn vi malkovros en tiu ĉi disko.

Ĉiuj kiuj delonge atendis novan k-diskon de Kajto ne atendis vane - finfine jen la albumeto *Masko*.

Kajto restas fidela al sia muziko riĉa el popolmuzikaj instrumentoj kaj etoso. Kelkuloj kiuj sekvas la bandon en diver-sajn koncertojn remalkovros neeldoni-tajn kantojn kiujn ili tamen ludas sursce-neje.

En tiu ĉi disko, Kajto jen maskas jen senvualigas sian vizaĝon en ĉiu sinsekva kanto, kvazaŭ ludo. La plezuro de la muziko kuniĝas al tiu de la tekstoj verki-taj de trafaj aŭtoroj kiaj Sabine Trenner, Marcel Redoulez, Poul Thorsen, kaj Nanne Kalma.

La diskoj disponeblas ĉe la libroservo de HEF aŭ rekte ĉe Vinilkosmo. Prezo de unu ekzemplero 12,05 eŭroj + 3,05 eŭroj pro sendokostoj. Kaj se vi volas la tutan *Kolekton 2000,* 10 k-diskoj, mendu ĝin kontraŭ 91,50 eŭroj + 30,50 eŭroj pro la sendokostoj.

Vinilkosmo *Esperanto-Muzik-Prod.*, FR-31450 Donneville, Francio; Tel/faks :+33 5 61 81 95 65; Retadreso: vinilkosmo@esperanto.org

Kion vi atendas por ĝui la plej bonan disko-kolekton iam ajn eldonitan en Esperanto? Ek al ĝi!



# Lingva angulo

## LINGVA ANGULO 9

**de Antonio Valén**

## POSTE, SED NE PLI POSTE

Laŭlonge de la dudeka jarcento —laŭ kelkaj buŝoj, eĉ pli frue— nevidebla kaj insida viruso malrapidete, sed nereteneble eklokis sin en la kapoj de la stranguloj parolantaj la nedeĉifreblan ĵargonon de Zamenhof. Iom post iom la tuta parolantaro, la tuta pura-kora kaj interna-idea esperanta komunumo, cedis al la sirenkantoj de la skabia mikrobo, kies sinua korpeto plej facile delogis la mensajn talpojn.

Kaj kredu, ke *unue* ĝi atingis nur la ĵusbakitajn komencantojn, sed *tre baldaŭ* ĝi eksuĉis ankaŭ la cerbon de la studemaj progresintoj. *Iom poste* ĝi alkroĉiĝis al la lipoj de la esperanto-instruistoj... kaj *PLI poste* ĝi senhonte atakis la kremon de la eta parolantaro, t. e. la plej senriproĉaj verkistoj kaj eĉ la fiaj gramatikumantoj, kiuj febre stokas artikolojn por la lingvaj anguloj de **Boletín**...

Ĉu vi jam divenis la kialon de mia plendeto?

Ni legu la unuan difinon de ***poste*** en nia bona olda PIV: "Pli malfrue: *antaŭe kion vi devas, poste kion vi volas; leĝo valoras por poste, sed ne por antaŭe*". La evidenta traduko en la hispanan estas *más tarde (= después)*.

Oni instruis al ni, ke vortara difino estas principe interŝanĝebla kontraŭ ties kap-vorto. Tial, esprimo kia ****Li venos pli poste*** aŭ ****Faru tion pli poste*** povas signifi nur ****Li venos pli pli malfrue*** kaj ****Faru tion pli pli malfrue***, respektive en la hispana **Vendrá más más tarde* (**Vendrá más después*) kaj **Haz eso más más tarde* (**Haz eso más después*).

En esperanto ne eblas uzi la formon ****pli poste***, ĉar ĝi estas absurda. Oni do ne diru ***Nun estas la oka, poste estos la oka kaj duono, kaj *pli poste estos la naŭa***, sed simple ***...kaj (ankoraŭ) poste estos la naŭa***, aŭ ***...kaj pli malfrue estos la naŭa***.

Se ĉi artikolo estus ne pri esperanto, sed pri la hispana, decus nun paroli pri la esprimo **el más mayor/ el más grande* fronte al *el menor/ el más pequeño*. Sed feliĉe por vi, kara leganto, la lingva angulo tuŝas nur esperanton...

## Prelego

Okaze de privata vojaĝo en Portugalion, akademiano s-ro Jorge Camacho prelegis ĉe la E-klubo en Lisbono la 4an de septembro, sabate. La titolo de lia presentaĵo estis *Esperantujo en la duon-insulo: ĝis nun kaj poste*.




## Luis Cernuda

**(1904—1963)**

**Trad: Miguel Fernández**
El *Los placeres prohibidos*
(La plezuroj prohibitaj)

### LI NE DIRIS VORTOJN

Li ne diris vortojn,
Li nure proksimigis sian demandan korpon,
Ĉar li ne sciis, ke la deziro estas ĉuo,
Kies respondo ne ekzistas,
Folio, kies branĉo ne ekzistas,
Mondo, kies ĉielo ne ekzistas.Angor' elpuŝas sin inter la ostoj,
Fluadas tra la vejnoj
Kaj ŝprucas sur la haŭto.
Tiaj ŝprucoj el songô
Iĝas demando-karno turnita al la nuboj.Tuŝeto dum paŝado,
Rigardo efemera inter ombroj,
Sufiĉas por ke korpo disfendiĝu,
Korpo avida je alia korpo
Same kapabla songi;
Duono kaj duono, songô kaj songô, karno kaj karno,
Figure samaj, ame samaj, dezire samaj.
Temas finfine nure pri espero,
Ĉar la deziro estas ĉuo, kies respondo ne sciatas.

*La sekretariino de El Cenizo Elsa Degollado, la vilaĝestro, Rafael Rodríguez, kaj konsilantino Flora Barton (foto: Eddie Rios).*

# Kuraĝa vilaĝo

La 4an de aŭgusto la magistrato de El Cenizo (Usono) deklaris ĉefa la hispanan lingvon super la angla. Fakte la loĝantaro de El Cenizo konsistas el 7.800 hispanlingvaj kaj 4 anglalingvaj homoj.

La ĵus aprovita regulo difinas ke ĉiu kunsido de la vilaĝa konsilio okazos en la hispana, kaj angla traduko aperos 48 horojn poste.

La vilaĝestro Rafael Rodríguez, kiu iomete parolas la anglan, asertas ke ili ne ne volas marĝeni la oficialan lingvon de Usono, ĉar fakte ili loĝas en tiu lando, sed "belas esti dulingva".

En la vilaĝo, kiu situas rande de Meksikio (vidu apudan mapon ĉerpitan el *El Mundo*), ĉiuj butikoj anoncas sin hispane, nur kelkaj mesaĝoj estas tradukitaj en la anglan.



# Kongresi estas festi

Jen tri fotoj kaj unu bildkarto . La unua foto prezentas gajan grupon de hispanoj en la UK de Berlino. La aliaj du prezentas grupojn en la Hispana Kongreso de Kastelono. Sur la dua, de supre maldekstre, Victor Ortiz, patrono de Fundación Espranto (FE), J. M. Galofré, vicprezidanto de HEF, Manolo Parra, sekretario de HEF, Luis Hernández, libroservanto kaj estrarano de HEF, kaj Rafaela Urueña, patronino de Fundación Esperanto. Sur la tria foto, grupo en kiu elstaras la aktorino Belka Beleva el la Bulgara E-Teatro.

La bela bildkarto eldonita de la E-grupo Verda Rondeto de Kastelono prezentas la monumenton dediĉitan al Esperanto. Mendu ĝin ĉe la Libroservo.









Depósito legal Z-334-90. Preseja: Gráficas Aurora